XIVa jaro. No 200 (4) ☆ Monata ☆ 5 aprilo 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0. 50 Fr. (0. 20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0. 40 Fr. (0. 16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0. 50 Fr. (0. 20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## BATALO KAJ PROGRESO

II

Nenia momento de la mondhistorio prezentis pli multe da pruvoj por nia tezo ol la nuna. Kia estos la fina efiko de la popolmilito?

Oni povas tion konsideri el du vidpunktoj. El la vidpunkto de l' komuna posedaĵo de la batalantaj popoloj kaj el tiu de la disdivido de tiu ĉi komuna posedaĵo, favore al unuj kaj malfavore al aliaj.

Ankaŭ la problemo de l' striko povas esti juĝata laŭ tiuj du malsamaj vidpunktoj, nome unue de l' vidpunkto de la prospereco de la koncerna industrio, kaj aliparte de l' vidpunkto de l' disdivido de ties profitoj inter la labordonintoj kaj la laborprenintoj. En la du ekzemploj de la milito kaj de la striko, nome de ĉiu milito kaj de ĉiu striko, la disdonota propraĵo de la tutaĵo estos malpliigata, en la unua okazo de la detruoj dum batalo kaj la senprodukta okupo de la junularo, en la alia okazo de la haltigo de la maŝinoj. La profito, kiun ĝuas popolo aŭ klaso per la disdono de la komunaj posedaĵoj povos esti pligrandigata nur de sukcesa batalo, kaj oni povas supozi kelkajn esceptajn okazojn, en kiuj tiu ĉi pli bona disdono ebligas gravan kulturlaboron, tiel pere utilante al la tutaĵo. Kiam ekz. striko de hejmlaborantoj havigas al malŝatanta grupo da homoj novajn vivrimedojn, la utilo rezultanta de la forigo de tia socia ulcero povas superi la malutilojn de la laborĉesado; aŭ kiam per la milito de l' jaro 1829 Grekujo estis liberigata, la el ĝi devenintaj profitoj devas esti konsiderataj kiel pli valoraj ol la ruinoj kunigitaj ankaŭ kun tiu milito.

Tamen eĉ tia ebleco nenion pruvas kontraŭ la utiloj de sistemoj de organizo, kiuj povas racie forigi la ekspluatadon de socia grupo aŭ la premon de popolo, t. e. en la unua okazo per la laŭleĝa reguligo de la salajroj, en la alia per internacia konstitucio.

Sed la nuna mondmilito ne apartenas al la vico de tiuj historiaj revolucioj, per kiuj katenitaj naciaj fortoj estas liberigataj. Eĉ ĉio ŝajnas antaŭsigni, ke ĝi tute ne grave aliigos la dispartigon de la eŭropa ŝtatpotenco kaj ekonomia posedaĵo, ĉar oni ne povas atendi decidigan venkon de unu potencgrupo super la alia. La sola reala sekvo estos la malpliiĝo de la komuna posedaĵo kaj samtempe konsiderante, ke en divido ĝi restos esence sama — la malpliiĝo de la naciaj profitoj, do: malpliiĝo de la germana nacia havo kaj de la germana popolforto, malpliiĝo de la franca nacia havo kaj de la franca nacia forto, malpliiĝo de la angla nacia havo kaj de la angla popolforto, k. t. p.

Kiel ampleksa estos tiu ĉi malpliiĝo? Tio dependos unue de tio, ĉu tiu ĉi, eĉ de l' vidpunkto de la nacia egoisma memmortiga tendenco de la batalo, estas pli frue aŭ pli malfrue ekkonata. Se la milito finiĝus venontan aŭtunon, la perdo je homvivoj kaj la nombro de la kripligitaj soldatoj eble restos malsuper 10 milionoj. La militelspezoj eble ne superos 300 miliardojn da frankoj. Se la milito plue daŭros ĝis 1918, la nombro de la falintaj kaj kripligitaj eble sumiĝos je 14 milionoj da homoj, nome tre alta partumo de la laborkapabla eŭropa junularo. La rektaj militelspezoj tiam sumiĝos je 400 miliardoj da frankoj aŭ pli multe.

Tiu ĉi cifero tamen ne donas adekvatan bildon de la efektiva malpliiĝo de la komuna eŭropa posedaĵo, ĉar al la rektaj militelspezoj de la unuopaj ŝtatpotencoj, kiuj per militpruntoj estas parte altrudataj al la venontaj generacioj, oni devas ankoraŭ aldoni multajn aliajn el la milito devenantajn faktorojn de ekonomia ruino: la senperan dezertigon de la militregionoj, la malhelpon de la transmara komerco de la

centraj potencoj, la malgrandigon de l' havo kaj de la enspezoj de l' industrio k. t. p. Tiuj valordetruoj ne povas esti akurate taksataj; aliparte oni ne forgesu la gajnojn de la militliverantoj. Nur parto de la rektaj militelspezoj estas nepra malpliigo de la nacia havo, alia parto estas nur transigo de l' havo de la tutaĵo al certa grupo de civitanoj, nome la militliverantoj. Oni scias, ke tiu proporcio estas pli favora en Germanujo, kie la militelspezoj plejgrandparte fariĝis en la lando mem, ol en la kontraŭaj landoj de kie ili parte forfluis Amerikon aŭ Japanujon.

Estas certe, ke la tutaĵo de la valorperdoj kaŭzitaj de la milito treege superas la ciferojn de la militelspezoj, kaj en la daŭro de 4 militjaroj la plena perdo sumiĝos verŝajne je pli ol 500 miliardoj da frankoj. Se ni supozas kvanton de 6 % por procentpago kaj amortizo de la pruntoj, kaj ankaŭ por la perdoj, kiujn suferis la industriaj entreprenoj, ni devas konsideri, ke la jara procentŝuldo de la eŭropaj ŝtatpotencoj sumiĝos je 30 miliardoj da frankoj. Eĉ se ni ne enkalkulas la tre verŝajnan pliigon de la militelspezoj de venonta ebla venĝmilito, tiu ĉi jara elspezo da 30 miliardoj atestas grandegan ŝarĝon por la popoloj, gravan malakceladon de la socialpolitiko, de la edukado kaj de ĉiuj rimedoj de kultura progreso, gravan malutilon al la antaŭ la milito tiel vigla emo al disvastigo de l' moderna bonstato en la enloĝantaro de okcidenta kaj centra Eŭropo.

Ni supozu, ke sistemo de internacia organizo simila al tiu de Ameriko malebligis la eŭropan militon, kaj ke oni povas uzi alimaniere la malŝparitajn 500 miliardojn. Oni povas kalkuli, ke la batalantaj ŝtatoj havas proksimume 500 milionojn da homoj de blanka raso (la indiĝenoj de la kolonioj nur malmulte gravas). La menciitaj 500 miliardoj do signifus monhavon da ĉirkaŭ mil frankoj po kapo, aŭ 5 aŭ 6 mil frankojn po familio. La streĉo inter tia posedaĵo kaj la senhavo estus jam sufiĉe granda, por esti konsiderata kiel „kontraŭ bonstato kaj malriĉeco" de la loĝantaro. Pli akra montriĝas la signifo de la sumo, se ni konsideras la eblecojn de plej efika utiligo: por sociala helpemo, edukado de la junularo kaj de l' popolo k. t. p. La plej granda parto de la socialaj kaj kulturaj demandoj, kunligitaj kun ekonomiaj vidpunktoj de l' nuntempo, povus esti solvita per la uzo de tia sumo.

Malŝparinte ĝin je maniero senfrukta, la popoloj laboradis por sia propra senhavigo; se ili estus malhelpintaj tiun malŝparon, ili estus farintaj pli multe por la bonstato de la laborantaj klasoj, ol per eksproprigado de la posedantoj; sukcesa pacifismo estus estinta la sociala movado plej abunda je praktikaj rezultoj.

* * *

Kompare kun la grandegaj dimensioj de la valordetruo en la milito, la perdoj de la klasbatalo ŝajnas tute malgravaj. Eĉ la plej gravaj amasstrikoj de la anglaj ministoj aŭ de la francaj fervojistoj ne malpliigis la anglan aŭ francan popolhavon je pli ol kelkcentoj da milionoj, kaj en la tuta civilizita mondo la valorperdo devenanta de strikoj aŭ lokaŭtoj neniam superis kelkajn miliardojn. Tamen, se la dimensioj estas pli malgrandaj, la problemo restas la sama. Ankaŭ la strikoj malpliigas la rimedojn je la dispono de la tutaĵo.

Ankoraŭ pli modestaj estas la monperdoj en la konkurbatalo de industriaj firmoj inter si (senprodukta reklamo), kaj en la klopodoj de la trustoj, sindikatoj kaj karteloj por neniigi la „eksterulojn" per perdiga, valordetruanta prezpolitiko; sed ankaŭ ĉi tie, kiel en la aliaj okazoj, temas pri provoj, rompi la volon de kontraŭulo per intencita malbonigo de valoraĵoj.

* * *

Por la tri okazoj la sociala scienco trovis eblecojn, eviti tiun valordetruon, t. e. por responda pliaĵtigo de l' homara enspezo kaj havo. Ili devenas de sistema kombino kaj organizo de la koncernaj grupoj, tiel ke iliaj kontraŭecoj estis solvataj laŭ aliaj metodoj ol la intencita reciproka malutilo. La sanilo kontraŭ la milito estas la internacia organizo; tiu kontraŭ la klasbatalo, laŭleĝa reguligo de la salajroj kaj laborkondiĉoj; tiu kontraŭ la ekonomia batalo, kolektiva reguligo de la produktado.

La tri reformoj estas grandparte jam realigitaj, kaj ofte malhelpis detruon kaj malŝparon; ne temas pri kreo de novaĵo, sed nur pri evoluo de io ekzistanta.

En pasinta historia epoko batalis urbo kontraŭ urbo, provinco kontraŭ provinco. Tiu batalo ĉiufoje neniigis la pacan laboron de la urbanoj kaj kamparanoj. La fondo de orda tribunalo kaj la kunfando de la malgrandaj landoj por kreo de grandaj ŝtatsistemoj finis la internan militon, kaj estas ili, kiuj precipe, kun la progresoj de la tekniko, produktis en la du lastaj jarcentoj tiel grandan pliigon de la ĝenerala bonstato. Restas nun la tasko, malhelpi la analogan malprofiton rezultantan ankoraŭ de la milito de la grandaj ŝtatsistemoj unu kun la alia, per la sama rimedo, kiu jam sukcesis interne de la ekzistantaj grandaj ŝtatoj, nome per la unuigo de la unuopaj ŝtatoj, por starigi unu ampleksan ŝtatligon, en kiu ĉiuj konfliktoj estos malkonfuzataj per la laŭkonstituciaj instancoj de la leĝdonado, administrado kaj juĝpovo. La celo estas la kreo de taŭga juro kaj la konsenta reguligo de la gravaj internaciaj interesoj per sinsekvo de „Hagaj Konferencoj" fariĝontaj veraj internaciaj leĝodonaj korporacioj; la solvo de ĉiuj ŝtatkonfliktoj per internaciaj tribunaloj; la starigo de internacia rega potenco, por rompi ĉiujn ajn kontraŭdirojn. Tiuj ĉi reformoj estas necesegaj, se novaj mondmilitoj estas evitotaj, se la venontaj generacioj ne estas sammaniere senigotaj de la fruktoj de sia celado, kiel okazas al la estantulo sekve de la nuna milito.

La rimedojn por eviti valordetruon en strikoj kaj lokaŭto montris la spertoj en Aŭstralio kaj Kanado, la salajr-oficejoj de l' unua eĉ pli bone ol la oficejoj por interkonsentiĝo de la dua lando. Ambaŭ oficistaroj konsistas el reprezentantoj de labordonantoj kaj laborprenantoj de la koncerna industrio sub la prezidanteco de senpartiulo. La unuaj precipe sin montris taŭgegaj por la fiksado de la salajr- kaj laborkondiĉoj, forigante ilian difinon per striko kaj eksigo.

Anglujo per siaj salajroficejoj por hejmindustrio kaj karbfosado kaj per siaj oficejoj por interkonsentiĝo por la tuta industrio montris, ke transigado de tiuj institucioj en Eŭropon estas nepre ebla. Ilia plua evoluo malhelpus multan valordetruon, kaj ebligus plibonigon de la enspezoj por la laboristaro, samtempe indulgante la ekonomian intereson de la labordonantoj.

* * *

Malpli proksima estas la solvo de l' problemo de la ekonomia batalo inter la unuopaj industrioj. Ĝi estos solvita nur per la iom-post-iom unuigita direktado de tutaj industrioj, unue per privataj ekonomiaj centraj instancoj, — karteloj, sindikatoj kaj trustoj — poste per ŝtatigo de la industrioj pretaj por estri monopoligataj. Sed tiom da kontraŭaj vidpunktoj staras por kaj kontraŭ tiu solvo de la problemo, ke reformpolitiko kun la unuflanka intenco, eviti valorperdon en la konkurbatalo ne estas allasebla. Certe la prusa ŝtatfervoja sistemo pruvas la superecon de unuigita industrio super anarkia dispartiĝo, eble la tendenco de l' estanto favora al konscia organizo akcelos ankaŭ tiun evoluon; ĝi tamen povas esti forigata el la vico de la urĝaj reformpostuloj.

Sed la popolmilito kaj la klasbatalo estas maturaj por la falĉilo de la granda rikoltisto Mondhistorio. Se la kolektiva racio de la popolamasoj estus pli matura ol ĝi efektive estas, Francujo kaj Anglujo ne estus al si permesintaj la „lukson“ de siaj fervojaj kaj minejaj strikoj, Eŭropo ne la „lukson“ de sia memdispeciĝo. Ĉu pro tiu manko de racieco, oni devas malesperi pri finaj raciaj solvoj? Ĉu oni devas, kiel ofte okazas, ilin forsendi en la regnon de l' Utopio, ĉar neniaj „naturaj sociaj fortoj“, neniaj „senperaj grupinteresoj“ alcelas ilian realigon? Ĉu la ĝenerala intereso vere ĉiam restos pli malatentata ol la grupa intereso, ĉu la ekkono de ĝi ne fariĝos tia sociala movilo? Ĉu estas neeble per propagando kaj sociala edukado tiel disvolvi la racion de la amasoj, ke ili fine komprenos sian utilon kaj faligos la kontraŭajn grupinteresojn?

Tia venko de la racio ne ŝajnas al ni neebla, eĉ se multe da tempo pasas antaŭ la realigo de ĝi. La leĝo de la batalo por la vivo ĝin helpas, tial ke la landoj, en kiuj la venko de la racio produktis bonstaton kaj potencon, pli kaj pli atingas al estreco en la homaro. Kiel ni jam diris, Ameriko dank' al sia federacia konstitucio, kiu ampleksas regionojn tiel vastajn kiel Eŭropo, kaj malpermesas ĉiun ajn militon inter la unuopaj ŝtatoj, eble antaŭ ne longe — se Eŭropo vere restus dispecigita — akiros la politikan direktadon de la homaro. Multaj historiaj ekzemploj igas nin esperi, ke Ameriko uzos tiun direktadon por havigi al la aliaj landoj la utilon de sia sukcesa principo de organizo.

Alimaniere plenumiĝos la enkonduko en Eŭropon de la aŭstralia sistemo pri leĝa fiksado de la salajroj. Anglujo ĉiam emis siavice praktiki ĉion, kio sukcesis en ĝiaj kolonioj, kaj uzante tiun landon kiel ponton, tiuj ideoj certe baldaŭ venkos en la grandaj industriaj landoj de Eŭropo kaj Ameriko.

Tiel en du el la plej gravaj kampoj la principo de unuigita laboro venkos tiun de l' malpaco; la pacideo triumfos super la militidealo. Kompreneble ne tiel, ke la vetbatalo de la popoloj kaj klasoj ĉesos; ili same kiel antaŭe provos sin reciproke superi; sed ne plu per konscia malbonigo de l' kontraŭulo, tial ke tio estas malebligata de supera leĝpotenco, sed per perfektigo de la propra kulturo, de l' propra bonstato, de la propra graveco por la prospero de la supera sociala anaro. Estonte eble ekestos grupa etiko malpermesanta la celadon de la supozata memutilo per la konscia malbonigo kaj elpuŝo de la najbara grupo, same kiel la etiko de la hebrea kaj kristana religioj de longe malpermesas la intencan malutilon al la individua najbaro por la propra pliriĉigo. La grandaj spiritaj reformistoj, kiuj klare perceptas la spertojn de sia popolo, komprenis kiom amplekse bonfarto, feliĉo kaj potenco de la tutaĵo dependas de tio, ke la apartaj membroj sin ne konscie reciproke malutilas. La ordono: „Amu vian proksimulon“ ne havas nur moralan valoron, ĝi havas ankaŭ eminentan praktikan gravecon por la bonstato de ĉiuj, kaj samtempe por la bonstato de ĉiu apartulo apartenanta al la tutaĵo.

Efektive ĝusta apliko de tiuj ĉi ordonoj al la vivo de la klasoj kaj popoloj ĝis nun ne sukcesis. Oni provis per mil sofismoj ilin malobei, kaj tamen ili efikus en la kunvivado de la grupoj tute same bone kiel en la kunvivado de la unuopuloj.

Ĉu unuopulo konscie malutilas al sia najbaro, ĉu unuopa klaso al klaso najbara, ĉu unuopa popolo al najbara popolo, en ĉiuj okazoj la valoraĵoj de la kolektivaĵo, al kiu apartenas la du najbaraj individuoj, klasoj aŭ popoloj, kaj fine tiu de la homaro estas atencataj. Se oni sukcesas — unue per la kreo de superaj potencoj, kapablaj valorigi la vidpunktojn de la justeco kaj de la ĝenerala utilo, due per formado de etiko — forigi tiun malutilon je la komuna intereso, malhelpi la militon en ĝiaj diversaj socialaj kaj politikaj formoj, tiam fine ankaŭ ĉiuj grupaj kaj individuaj interesoj povos esti forte akcelataj.

La venontaj generacioj kompateme nin rigardos pro tio, ke ni sofisme atakis la pacideon, ĉar de ĉiu ajn vidpunkto la paco estas pli bona negoca principo ol la milito.

*Prof. D-ro R. Broda.*

Trad.[1]: *A. C.*

[1] El *„Dokumente des Fortschritts“*.

 SOCIA VIVO 

## Malkara nutraĵo

Dio kreis la nutraĵon, la diablo la kuiristojn.
Multe da mono, malmulte da dentoj.
Kiu malmulte manĝas, tiu multe profitas.

La vegetarismo havas tri ĉefajn argumentojn je sia favoro, nome:

*a) morala:* la mortigo de la bestoj, almenaŭ de grandaj hejmobestoj, kontraŭdiras la spiritan ameman naturon de la homo;

*b) higiena:* la senmortiga nutrado estas pli taŭga por la sano;

*c) ekonomia:* la vegetala nutraĵo estas pli malkara.

Ekzistas du direktoj en la vegetara movado: la Okcidentuloj sin gvidas prefere per la higiena motivo, la Orientuloj per la morala. Ŝajnas al mi, ke la morala motivo estas la fundamenta, la du ceteraj dependas de ĝi: se la moralo postulas la vegetarismon, mi devas ĝin akcepti, sed tiu decido ŝuldigas ankaŭ zorgi pri tio, ke la vegetarismo ne detruu la sanon kaj estu malkara.

Tiel devus esti, sed en la realeco ne estas. La kosto de la nutraĵo estas same morala demando, kiel ĝia senmortiga deveno, kvankam la moralo tiaokaze koncernas ne la bestojn, sed la homojn. Legu nur la verkojn de L. Tolstoj (Kion ni devas fari?), de T. Bondarev (Triumfo de terkulturisto aŭ Laboramo kaj Paraziteco), de H. George (Paroladoj kaj artikoloj. — Sociaj Problemoj. — Progreso kaj Malriĉeco), de Proudhon (Malriĉeco, kiel ekonomia principo), por kompreni neforgeseble, ke ĉio multekosta, ĉio luksa estas ne nur mallaŭdinda, kiel ĉio escepta, ne havebla al ĉiuj, sed vere kontraŭmorala, ĉar tia lukso postulas suferojn de aliaj homoj. Oni ne povas akiri, nek konservi, eĉ nek elspezi riĉaĵon, ne suferigante homojn — homojn devigatajn havigi, gardi kaj agrabligi la elspezadon de karaĵoj.

Kiu havas multon, tiu senigas aliajn je necesaĵoj, kiu manĝas tro multekoste, tiu igas aliajn morti de malsato. Homo, kompreninta la rilaton de abundo al nesufiĉo, de lukso al seniĝo je necesa, sentas devon celadi la plej grandan malpliigon kaj simpligon de siaj bezonoj. Tial vegetarano devas zorgi ne nur pri tio, ke lia nutraĵo estu senmortiga, sed ke lia vegetara nutraĵo estu kiel eble plej simpla kaj malmultekosta. Oni ne povas ne ĝoji pri ĉio, kio povas nin subteni en tiu ĉi celado.

Kiel nuna subteno tiarilate povas servi la konsidero, ke la celado al luksa vivo estas kontraŭnatura. Proudhon pruvas, ke la homaro estas kreita nek por luksa, nek por necesenhava, sed por nemultbezona vivo, t. e. por vivo, kiu postulas kontentigon de naturaj bezonoj, sed ne ilian troigon. Tia vivo vere konvenas por la homoj; ĉiu lukso-eksceso de bezonoj naskas ĝian kunulon — necesmankon. La lukso kaj necesmanko ĉiam kunvivas, kvazaŭ du parencaj malsanoj, la socio, en kiu ili aperas kaj ĉirkaŭkaptas, disfalas ekonomie

kaj morale. Nur la kontentigo de niaj korpaj bezonoj, kiu celas subteni la vivon, estas justa kaj ne malutila. Tuj kiam ĝi ekcelas precipe ĝuadon, aperas ne subteno, sed detruo kaj ĉeso de la vivo. Tiun ĉi leĝon oni vidas en ĉio: luksa kaj dorlota vivo altigas la malsanemon kaj mortemon; la diboĉo degenerigas, bela lukspetala, t. e. grasiĝinta floro ne donas semojn; abunde ĉirkaŭsterkitaj fruktarboj havas malsanojn, kiujn ne konas ilia sovaĝa parencaro, k. t. p.

Tial la grandaj popoloj toleras en sia medio la lukson kaj necesmankon nur kiel du malsanaĵojn; la ĉefamaso vivas naturan nemultbezonan vivon. Ju pli la sorto gardas ilian simplan vivon kontraŭ la infekto per lukso, des pli longan vivon ili havas.

La nemultbezona vivo ĉe la grandaj terkulturaj popoloj (rusoj, ĥinoj, hindoj, japanoj) ĉiam koincidas kun vegetala nutrado: tritiko, rizo, sekalo, hordeo, aveno, poligono, milio, legomoj, fruktoj, jen produktoj de popola nutrado; viando estas uzata nur escepte. Tial la simplan vegetalan nutraĵon oni devas konsideri kiel naturan, destinitan al la homaro de la Naturo mem.

Sciencaj esploroj pri la nutropovo de malkara vegetala nutraĵo povas servi ankaŭ kiel konvinkilo, por elekti tian nutraĵon. Ezkistas libreto de D-ro N. Popov, titolita: „Pri la asimileblo de diversaj specoj de la nigra pano, precipe de ĝiaj albuminoj en la homa organismo." D-ro Popov metis antaŭ si du celojn: 1e esplori la asimileblon de diversaj specoj de la sekala pano kaj 2e la asimileblon de la soldata pano, uzata kune kun la kutima soldata kuiraĵo. Estis elprovitaj kvar junaj armeaj subkuracistoj; la eksperimentojn oni faris kiel eble plej zorge kaj sciencprecize.

La aŭtoro konkludas, ke la albuminoj estas pli bone asimilataj, kiam oni uzas freŝan panon — ne la sekajn panpecojn — pli bone en la specoj de la sekala pano, kiuj enhavas malpli da brano. Sed ĉar la sekala pano senbrana perdas sian guston kaj aromaton, sekve baldaŭ tedas, kaj ĉar ni scias, ke la nuntempa farunmuela tekniko ne sukcesas, senbranigante konservi la grentavolon, enhavantan gravajn, precipe mineralajn nutrajn partojn, la freŝa pano el kompleta sekala faruno (tia estas la soldata pano) restas tamen la plej bona, la plej taŭga por la sano, speco de sekala pano. Ankaŭ ĝi estas la plej malkara: dum 1 funto da pano el kompleta sekala faruno, hejme preparita, kostas $1^1/_2$ kopekojn, unu funto da pano el kribrita faruno (komerca brogpreparita pano) kostas $2^1/_2$ k. kaj 1 funto da pano senbrana 5 k.[1]

Por solvi la duan problemon, D-ro Popov dum tri tagoj faris eksperimentojn de nutrado kun du soldatoj: 1e li nutradis ilin sole per sekala pano kun tri glasoj da maldensa teo kaj du pecoj da sukero tage; 2e sole per kuiraĵoj (kuiritaj terpomoj senŝeligitaj, trafrotita pizo kaj poligona maldensa kaĉo) kun teo, sukero kaj vegetala oleo; 3e per sekala pano kun kuiraĵoj (la suprecititai, plie du eksperimentoj, kie estis anstataŭe uzitaj kruda acida brasiko kaj kruda bulbo) kun vegetala oleo, teo kaj sukero.

La eksperimentoj montris, ke 1e la albumino en diversaj vegetalaj produktoj uzataj aparte, estas asimilata ne egale. La asimilgradeco de albumino tiaokaze estas jena: poligona maldensa kaĉo 76 %, kuirita pizo 73 %, pano 71 %, kuiritaj terpomoj 67 %.

2e Se oni aldonas kuiraĵon al la pano, la asimilpovo en la miksaĵo estas multe pli alta, ol en la produktoj, uzataj dise (la asimileblo de la pano sola 71 %, de la kuirita pizo 73 %, de la miksaĵo de pano kun pizo 83 %, k. t. p.).

3e La asimilpovo de albumino, manĝata en brasiko kaj bulboj ŝajnas esti tre malgranda, ĉar la asimiliĝeblo de albumino en miksaĵo kun pano (64 % kaj 70 %) estas pli malalta ol la asimiliĝeblo de albumino sole en la pano (71 %). Tial la brasikon kaj bulbojn, rilate la albuminon, oni ne devas konsideri kiel nutroproduktojn. Sed, kiel oni scias, la brasiko, la bulboj kaj ceteraj legomoj estas valoraj ne pro siaj albuminoj, sed pro la mineralaj saloj, kiujn ili enhavas en pli granda kvanto ol la pano, kaj kiuj estas necesaj, por ke la nutraĵo vere taŭgu al la sano.

4e La taga kosto de la nutraĵo en la eksperimentoj de D-ro Popov ne superas pli ol $9^1/_4$ kop. (ĉirkaŭ 22 centimoj), la meza kosto estas $6^1/_2$ kop. (ĉirkaŭ 16 centimoj), sufiĉe malalta, se oni konsideras, ke la nutraĵo enhavas heliantan[1] oleon kaj sukeron, kiuj kostas sufiĉe kare.

5e Ĉar la miksaĵoj de pano kun kuiraĵoj estas multe pli bone asimilataj ol la produktoj, dise uzataj, oni povas konsideri ilin, kiel veran vegetalan nutraĵon de la homo. Brasiko, bulboj, terpomoj, pizo kaj poligona grio estas produktoj uzataj por kuiraĵoj en la rusa popola nutrado, sekve, ilia kombino kun pano estas la normala nutraĵo, propra al la rusaj vivkondiĉoj. Ni konsideru la nutropovon de tiuj ĉi kvin miksaĵoj.

Laŭ la lastaj konkludoj de fiziologoj (Hinhede, Peterson k. a.), la taga nutraĵo de homo devas enhavi 50 gr. da albumino kaj 500 gr. da hidrokarbonaĵo (t. e. amelo, sukero kaj oleo; 1 gr. de la lasta egalvaloras 2 gr. da hidrokarbonaĵoj).

En la eksperimentoj de D-ro Popov la junuloj ricevadis la albuminon kaj hidrokarbonaĵojn en kvanto, multe superanta tiun, kiu estas necesa por sufiĉa nutrado. Nenia konsistparto mankas en la nutraĵo; male la abundo de albumino ŝajnas iom danĝera kaj, kredeble, oni devus malpliigi la porciojn, por ke la kvanto da albumino ne superu 50 gr. tage. Do, la scienco konfirmas, ke treege malkare oni povas havi sufiĉan kaj sankonvenan puran vegetalan nutraĵon. Ĝi estus ankoraŭ pli malkara, se oni forigus la sukeron kaj, anstataŭe, iom pliigus la kvanton da vegetala oleo, por ke oni uzu ne malpli ol 50 gr. da ĝi tage. El tio sekvas, ke sufiĉas, uzi tage mezkvante ĉirkaŭ 900 gr. da pano aŭ 600 gr. da faruno aŭ greno, preparita iamaniere.

Kiel alkuiraĵojn, oni povas uzi ne sole brasikon kaj bulbojn, ankaŭ aliajn folilegomojn kaj radikojn, plie berojn, fruktojn; la pizon oni povas anstataŭi per lento, fazeolo; la poligonan grion per milio, k. t. p., preparante el ili plej diversajn manĝaĵojn. La popoloj, kiujn la Naturo mem devigis sin nutri per malkara vegetala nutraĵo, elpensis multajn manierojn, por prepari simplajn, senartifikajn manĝaĵojn el produktoj, kiujn ili havas enlande. Ni preskaŭ ne konas tiujn ĉi manĝaĵojn. La vegetaraj kuirlibroj kun centoj da komplikaj, multekostaj manĝaĵoj devus esti anstataŭataj de libreto, kiu konigus la preparon de popolaj manĝaĵoj. La arto prepari manĝaĵojn konsistas ne en tio, ke oni miksu kelkajn vegetalajn produktojn kaj aliigu ilian naturan guston per aldono de sukero, salo, butero, lakto, kaj ovoj, sed en tio, ke oni prilaboru la simplajn produktojn tiamaniere, ke ili fariĝu allogaj por manĝi. Ĉu oni ne povus verki popolan kuirlibron por prepari simplajn, malkarajn, pure-vegetalajn manĝaĵojn? Per diversregiona kunlaboro, oni kunmetus libreton, nepre utilan, kiu malkarigus kaj simpligus nian vivon.

*E. Popov.*

Trad.[2]: *A. Ŝarapov.*

[1] La taksado de la produktoj estas farita laŭ la mezaj prezoj de paca tempo en Rusujo.

[1] La helianta, kanaba kaj lina oleoj estas multe uzataj en la nutraĵo de la rusa popolo.

[2] El la rusa revuo *„Edinenie"* (Unueco).

La tradukintino aldonas peton pri tio al la ĉiulandaj legantoj de *„Vegetarano"* kaj *„Esperanto"*, por ke ili kunlaboru kun la legantoj de la revuo *„Edinenie"*, el kiu estas eltirita la supra artikolo. La kunigita penado de la tri revuoj povus estigi *universalan kuirlibron*; la reciproka kono pri la manĝo de diversaj popoloj ne estus seninteresa.

## La malaja lingvo

Kiel la deveno de la malaja popolo ne estas bone konata, tiel ankaŭ tiu de la malaja lingvo.

Tamen oni scias, ke ĝi estas branĉo de la malaja-polinesa lingvotrunko, kiun oni trovas en Madagaskaro, Hinda Arĥipelago, Malako, en malgranda parto de Siamo, kaj en Nova Gvineo. Tiu ĉi lingvotrunko tute ne estas parenca al la sanskrita, kiel oni antaŭe kredis; tamen ekzistas multaj vortoj sanskritaj en ĝiaj dialektoj precipe en la javana kaj malaja.

La malaja lingvo, kiel oni ĝin parolis dum ĝia juneco sur la insulo Sumatro, estis tre malriĉa je vortoj; ĝi nur posedis vortojn por konkretaĵoj kaj sentesprimoj, kaj ne havis esprimojn por abstraktaj vortoj kiel ĉiuj simplaj lingvoj. Ĝia granda disvolviĝo estis ebla nur dum la civiliziĝo de l' popolo, kiam tiu ĉi konatiĝis per komerco aŭ aliaj aferoj kun aliaj popoloj, kaj tiu fremda influo ne forrestis longatempe. En tre frua tempo la hinda civilizo penetris Sumatron kaj pliriĉigis la malajan lingvon per multaj sanskritaj vortoj, sed kiam, kiel kaj kie oni scias nenion; eĉ tradicioj ne aludas tiun tempon. Tial ĉio antaŭa devas esti okazinta en la griza, krepuska antikveco kaj dum kelkaj jarcentoj, kiel pruvas la granda nombro de hindaj vortoj en la malaja lingvo.

Alia lingvo, kies influo estas ankaŭ granda estas la araba. Ĝis ĉirkaŭ la jaro 1275 ekzistis nur kelkaj arabaj vortoj en la malaja, kaj tio ankaŭ ne estis necesa, ĉar per la hinda influo kaj propra evolucio, ĝi jam estis sufiĉe riĉa, tiel ke oni povis sin esprimi pri ĉiuj temoj, kiel komerco, scienco, religio, k. t. p. Sed kiam la Malajoj konatiĝis kun la Mahometana religio kaj tiun pasie alprenis, tiam kompreneble oni sentis la mankon de ĉiuj vortoj koncernantaj la novan religion, kaj kio estas pli natura ol la preno de tiuj vortoj el la lingvo, kiun parolis la popolo de l' nova religio? Ankaŭ de l' kuracarto kaj juroscienco la araba donis la vortojn. De tiu tempo oni ŝajnis tre lerta kaj klera, kiam oni uzis multajn arabajn vortojn en leteroj kaj interparoladoj, kiel en diversaj landoj nuntempe ankoraŭ oni ŝajnas klera (?) kiam oni uzas vortojn el la franca lingvo.

La Malajoj eĉ alprenis la araban alfabeton, kiel ekzemple ankaŭ la Hindustanoj, Persoj, Turkoj, k. t. p.; tamen estas certe, ke ili havis propran litersistemon, sed ĝi tute perdiĝis. Verŝajne, la Malajoj, rimarkante, ke ili povis nur malfacile transskribi la multajn arabajn vortojn per siaj propraj literoj (kiel nun ankaŭ la javana skribo) tute ne plu uzis tiujn.

La aliaj orientaj lingvoj, la persa, javana kaj ĥina havis malgrandan influon je la malaja. De la ĥina nur kelkaj vortoj de la parollingvo, kiel „téh" aŭ „theh" (teo), „goewâ" (mi) kaj eble kelkaj aliaj vortoj tamen ne uzitaj en bona literaturo. De la okcidentaj lingvoj la malaja transprenis vortojn el la portugala kaj kompreneble el la holanda, ĉiuj tamen proprigitaj al la malajaj parolorganoj, ekzemple la holanda popola vorto „snaphaan" (pafilo) estas en malaja „ŝnâpan".

Multaj homoj, eĉ bone konantaj la malajan, ofte pensas, ke ekzistas alta-malaja kaj malalta-malaja lingvo, kiel ankaŭ en la javana, en kiu estas granda diferenco inter alta- kaj malalta-javana, la unua la lingvo de la ĝentilaj altrangaj homoj, la dua de la neĝentilaj kaj enlandaj popoloj. Sed tiu diferenco ne ekzistas en la malaja. Ekzistas tamen lingvo nomita malaja, kiun konas ĉiuj vojaĝantoj de l' Nederlanda Arĥipelo, kaj kiu estas kvazaŭ Esperanto, la helplingvo por Nederlanda Hindujo, sed ĝi estas nur lingvaĉo sen gramatiko, skribo kaj literaturo. Ĝi estas miksaĵo de malaja pura, javana, holanda, kaj diferencas en ĉiuj havenurboj.

La malaja lingvo havas du dialektojn: la unua, la pura malaja de Malako, la dua de Menang-Kabaŭ. La plej granda diferenco ekzistas en la prononco de la *a* je la fino de vorto, kiu en la Menang-Kabaŭa sonas kiel *o*, en la gramatiko ekzistas malgrandaj diferencoj.

Inter la karakterizoj de la malaja lingvo apartenas la granda riĉeco de figuraj esprimoj, kiel ekzemple „mata hâri" (okulo de l' tago) signifas suno, kaj „ânag tângan", t. e. infano de l' mano, signifas la fingro.

La malaja literaturo estas sufiĉe granda, kvankam multe da traduko ekzistas. En prozo estas ĉefverkoj. Ankaŭ ĝi posedas poezion, sed ne en la sama signifo kiel ĉe ni. La malajaj poemoj ekzistas el linioj de ĝenerale kvar vortoj. La rimo estas kiel ankaŭ en aliaj diversaj lingvoj duopa, ĉu por la vido, ĉu por la aŭdo, ekzemple „negeri" kaj „sampei" (elparolu sampej), ĉar ambaŭ finiĝas je i. La granda diferenco inter la malaja poemo kaj la okcidentlingvaj estas, ke la Malajoj ne konas nian prozodion.

En la ekstera formo estas ankoraŭ malordinaraĵo, kiu estas, ke la dua linio ne estas skribita sube sed flanke de la unua, de kiu ĝi estas dividita per steleto aŭ linio, kiu vertikale estas desegnita sur la folio kaj tiel sekve, la 4ª linio flanke de la 3ª, la 6ª flanke de la 5ª, k. t. p.

La malajaj poemoj ne posedas la valoron de Iliado aŭ Odiseo, sed tamen la simpla rakontmaniero, la natura priskribo de lokoj kaj situacioj, la gustaj kaj belaj karakterpriskriboj similas iomete Homeron. Oni povas interesiĝi je la malaja poezio, kiam oni pensas, ke oni leĝas karakterojn kaj morojn treege diferencantajn de l' niaj.[1]

La Holandoj estas tiuj, kiuj plej multe studis science la malajan lingvon. Tamen ni devas citi la anglon W. Marsden kaj la francon Dulaurier kiel du Malajologojn, kiuj multe faris por la studo de tiu ĉi lingvo.

*Anth. C. Bakels* (Rotterdam).

[1] Por scivolantaj personoj mi rekomendas la legadon de „Charakterisierung der Epik der Malaien", Luzern 1891, de Prof. Dr. Renward Brandstetter.

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **La enmigrado al Usono.** — La Usona registaro jus publikigis la statistikojn de enmigrado al Usono por la jaro 1916. Dum tiu jaro, eniris Usonon 688,495 fremdaj enmigrantoj, kontraŭ 258,678 en 1915 kaj 1,387,318 en 1913. La cifero de 1916 estas do pli malalta ol la cifero de 1913, normala jaro antaŭ la milito, sed ĝi superas tiun de 1915, kio montras, ke la allogo de la altaj salajroj pagataj al la usonaj laboristoj en la municiaj fabrikejoj altiris al Ameriko multajn laboristojn, malgraŭ la nuna stato de Eŭropo.

La ciferoj de la *elmigrado* el Usono Eŭropon konstante malkreskas. En 1916 69,725 personoj forveturis el Usono Eŭropon, kontraŭ 160,641 en 1915 kaj 274,209 en 1913. La pliiĝo de la usona loĝantaro per supereco de enmigrado je elmigrado (do ne enkalkulante la pliiĝon per la naskiĝoj enlande) sumis 286,042 en 1916, 98,037 en 1915 kaj 1,113,109 en 1913.

∴ **La nordpolusa ekspedicio de Roald Amundsen.** — Roald Amundsen, la norvega esploristo de l' norda poluso, intencas, entrepreni novan ekspedicion, pri kiu li donas jenajn informojn: La preparoj por kelkjara foresto estas jam faritaj. La demandon

pri la provizado oni solvis per la spertoj akiritaj de la antaŭaj vojaĝoj. La ŝipo tutspeciale konstruita jus forlasis la farejon; ĝi estas longa 130 colojn kaj larĝa 40 colojn. Amundsen volas uzi la nordorientan vojon; laŭ pli frua plano li intencis preni la vojon ĉirkaŭ promontoro Horn kaj tra Beringssund. Tiu vojo estas malpli longa. Li komencas do je 240 mejloj de la loko, kie Nansen estis haltigita de la glacio. Tiamaniere Amundsen kalkulis, ke li alvenis proksime ĉe la poluso, almenaŭ ĝis la 88a grado. En Wardo la ekspedicio forlasos Norvegujon, de tie pasante laŭ la ordinara vojo al la Karamaro. Ĉe la elfluejo de l' Jenissei ĝi ricevos 30,000 litrojn da oleo kaj 25 sibiriajn hundojn, ankaŭ diversajn nutrajojn kiel freŝa viando, terpomoj k. t. p. Amundsen konsideras la alvenon ĉe la poluson malpli grava ol la esploro de la regionoj en tiu alteco. Ĉe tiu laboro aeroplano estos uzata; la spertoj akiritaj dum la milito atestas la taŭgecon de la aparatoj. Post la 88a grado, la distanco ĝis la poluso estas ankoraŭ 200 kilometroj. Li opinias, ke serio de fidindaj observoj estas valora por pruvi, ke vere oni atingis la poluson. Se okaze la vetero malhelpus la uzon de la aeroplano, li volas daŭrigi la vojaĝon per la hundoj kaj glitveturiloj, utiligante senfadenan telegrafion por esti ĉiam en rilato kun la ŝipo, aŭ se neeble, li kunprenos sufiĉe da provizoj kaj ne plu revenos ĉe la ŝipo. Tiuokaze li marŝus al la lando plej proksima al la poluso por ree atingi loĝatan landon. Tre grave estus, se li sukcesus observi la grandajn nekonatajn regionojn, same ankaŭ la kunligon de lando kaj maro. — *H. J.*



# LITERATURO



## Kiam mi sidis la unuan fojon sur la vapora veturilo

El la „Infanaj Memoroj“
de **Peter Rosegger**

Mia baptopatro Joko, li ripozu en paco, estis homo, kiu kredis ĉion, nur ne naturajojn. La malmulto da homaj eltrovaĵoj, kiun li povis kompreni, estis por li el dia deveno; la multo, kion li ne komprenis, estis sorĉaĵo kaj diabla ŝajnigo. — La homo, la plej preferata el ĉiuj estajoj, havas ekzemple la kapablon, tani la bovfelojn kaj fari el ili ŝuojn, por ke ne frostiĝu liaj piedfingroj; tiun benon li ricevis de Dio. Sed se la homo alvenas kaj konstruas fulmkondukilon aŭ eĉ telegrafon, tiam estas nenio alia ol tento de l' diablo. — Tiel Joko kredis, ke Dio estas bonkora, simplanima maljunulo (tute kiel Joko estis mem), sed la diablon li imagis kiel ruza etulo kun akra spirito, nekaptebla, kiu trompas la homojn kaj eĉ la bonan Dion el ĉiuj anguloj.

Kun la escepto de tiu alta opinio pri Lucifero, Beelzebubo (mi ja ne konas la nomojn de ĉiuj) mia baptopatro estis inteligenta homo. Mi dankas al li multajn linajn pantalonetojn kaj oftajn stomakmalsanojn pro bonaj manĝaĵoj.

Lia konsolo kontraŭ la atakoj de l' malamiko estis la pilgrimejo Maria Protekto. Oni bezonis tagvojaĝon, kaj Jochem iris unufoje ĉiun jaron. Kiam mi jam bone staris sur la kruroj (mi kaj la kaprineto estis la solaj estajoj, kiujn mia patro ne povis atingi, se li kuris post ni kun la vipo), Joko proponis kunpreni min al la pilgrimejo.

„Kial ne“, diris la patro, „la knabo povos ĝuste vidi la novan fervojon, kiun ili konstruis. La truo tra la monto estas laŭdire jam finita.“

„Gardu nin Dio“, ekkriis la baptopatro, „ke ni rigardu tian diablaĵon! Ĉio estas ja nura trompo, nenio estas vera!“

„Povas ankaŭ esti!“ diris mia patro, kaj foriris.

Mi kaj la baptopatro do forvojaĝis; ni prenis la vojon super la montaro, por ne esti proksimaj de la valo, kie, laŭ la diroj, promenis la diabla ĉaro. Sed kiam ni staris sur la alta monto kaj rigardis en la valon, ni vidis brunan vermon rampantan laŭlonge de rekta linio. Supre ŝvebis fuma nubeto.

„Jesuo, Mario!“ kriegis la baptopatro, „jam estas io. Kuru, knabo!“ — Kaj ni malsuprenkuris la kontraŭan deklivon.

Posttagmeze ni venis en la valon, sed — ĉu la baptopatro ne konis tiun vojon, ĉu la scivolemo, kiu ofte lin forte atakis, estis lin surprizinta, ĉu la piedoj estis tuŝintaj magian radikon — anstataŭ troviĝi en la pilgrimejo ni staris antaŭ grandega amaso da ruboj kaj malantaŭe malfermis sin nigra truo en la monto. La truo estis masonita per belaj ŝtonoj kaj tiel granda, ke preskaŭ tuta domo povus stari en ĝi; tien alvenis strato kun du feraj baroj kondukanta rekte en la monton.

Longan tempon mia baptopatro staris silente, skuante la kapon; fine li murmuris: „Jen ni staras. Tio devas esti la moda ŝoseo. Sed mensogo estas, ke ili veturas en la truon!“

Kiel el tombo alblovis nin malvarma aero el la truo. Pli malproksime, kontraŭ vilaĝo, brilis en la vespera suno ŝtona dometo; antaŭ ĝi staris alta stango, sur kiu pendis du sangruĝaj kugloj. Subite io bruetis ĉe la stango, kaj unu el la kugloj supreniris, kiel tirata de demona mano. Ni forte ektimis. Ke iu supernaturaĵo okazis, estis facile sentebla. Sed ni staris kiel enradikiĝintaj.

„Patro Joko“, mi murmuris, „ĉu vi ne aŭdas iun tondron en la tero?“

„Certe,“ li respondis, „io tondras! Estas tertremo!“ kaj li jam akre sopiris. Sur la fera vojo nun proksimiĝis karbonigra necertaĵo. Komence ĝi ŝajnis halti, sed ĉiam pli granda ĝi fariĝis kaj alvenis kun potenca spirego kaj bleko, kaj elpelis el la buŝo nubon da vaporo. Kaj poste — — —

„Dia kruco!“ ekkriis baptopatro, „jen alpendas ja tutaj domoj!“ Kaj vere, se ni estis pensintaj, ke al tiu lokomotivo oni fiksus kelkajn ĉaretojn, sur kiuj povus sidi vojaĝantoj, ni vidis nun alveni tutan vilaĝon kun multegaj fenestroj, kaj el la fenestroj rigardis vivaj homaj kapoj, kaj terure rapide ĝi kuris, kun tia bruego, ke svenis ĉiu penso. „Tion neniu Dio plu haltigos“, jen kio ankoraŭ trafIugis mian cerbon. Sed nun la baptopatro levis la manojn kaj ekkriis kun malespera voĉo: „Jesuo, ili rekte veturas en la truon!“

Jam la bestego estis en la profundo; la dorsflanko de la lasta vagono etiĝis, nur lumeton oni vidis ankoraŭ kelkan tempon, poste ĉio estis malaperinta, sole la tero ankoraŭ tremis, kaj el la truo supreniris fumo, malrapide kaj silente.

Per la maniko la baptopatro forviŝis la ŝviton de sia frunto kaj fikse rigardis en la tunelon.

Poste li turnis sin al mi: „Ĉu ci ankaŭ vidis tion, knabo?“

„Mi ankaŭ vidis.“

„Do ne povas esti trompaĵo de la diablo,“ li murmuris.

Sur la ŝoseo ni supreniris la monton; el diversaj ŝaktoj supreniris fumo. Tute profunde sub niaj piedoj kuris la vapora veturilo.

„Ili pereis kiel la animoj de la idolanoj!“ diris la baptopatro, aludante la vojaĝantoj. „Tiuj petoluloj memvole saltis en sian tombon.“

Ĉe la hotelo sur la intermonto regis silento; la grandaj ĉevalstaloj estis malplenaj, la tabloj en la gastoĉambro, la avenuoj antaŭ la domo neokupitaj. La mastro, antaŭe la fiera reĝo de tiu montstrato, invitis nin afable al manĝo.

„Mi plene perdis la apetiton“, respondis la baptopatro, „spritaj homoj ne multe manĝas, kaj hodiaŭ mi plispritiĝis je bona peceto.“ Proksime de monumento ni haltis kaj malsuprenrigardis en la landon, kiu etendiĝis kun siaj rokoj kaj valoj kaj la malproksima senfina ebenaĵo. Malsuprenirante, ni revidis la vagonaron, tute malgrandan kiel raŭpo, kiu preterpasis je teruraj deklivoj, veturis sur altegaj pontoj de unu roko al alia, en- kaj eliris tunelajn truojn, vere mirinde.

„Estas strange, kion hodiaŭ faras la homoj", diris Joko.

„Ili ludas kegiojn kun la tergiobo", respondis preterpasanta laboristo.

Kiam ni alvenis en Maria Protekto, estis jam malfrue. Ni iris en la preĝejon, kie brulis la ruĝa lampeto, kaj preĝis.

Poste ni vespermanĝis en modesta gastejo kaj iris sur la fojnejon por dormi.

Ni jam ripozis certan tempon. Sub la ŝarĝo de la novaj impresoj kaj la nekutimeco esti en fremda loko mi ne povis fermi unu okulon, sed supozis, ke baptopatro dolĉe dormis. Subite ĉi tiu malfermis la buŝon kaj diris:

„Ĉi jam dormas, knabo?"

„Ne", mi respondis.

„Ĉi", li diris, „min rajdas la diablo!"

Mi ektimis; tio en pilgrimejo estis nepensebla.

„Mi devas esti forgesinta trinki sanktan akvon antaŭ la kuŝiĝo," li murmuris, „ĝi ne lasas min trankvila; estas premega."

„Kio do, baptopatro?" mi demandis kun varma simpatio.

„Nun, morgaŭ, kiam mi komunios, verŝajne pliboniĝos," li trankviligis sin.

„Ĉu vin dolorigas, baptopatro?"

„Malspritaĵo estas. Kion ci pensas, karulo, ĉar ni jam estas tiel proksimaj, ĉu ni provos?"

Nekompreninte, mi silentis.

„Kio povos okazi al ni?" daŭrigis la baptopatro, „se la aliaj ĝin faras, kial ne ankaŭ ni? Mi elportos la elspezon."

Li babilas en sonĝo, mi pensis kaj atente aŭdis.

„Tie ili miregos", li daŭrigis, „se ni revenas kaj diras, ke ni sidis sur la vapora veturilo!"

Mi tuj akceptis.

„Sed estas peko," li murmuris, „eble pliboniĝos morgaŭ, kaj nun en la Dia nomo ni dormu!"

La sekvantan tagon ni iris konfesi kaj komunii, kaj rampis sur la genuoj ĉirkaŭ la altaro. Sed kiam ni foriris hejmen, baptopatro opiniis, ke li nenion specialan intencas, ke li nur volas vidi la stacidomon, kaj ni iris tien.

Ĉe la stacidomo ni vidis la kontraŭan flankon de la truo. Estis ankaŭ nigrega. — Treno el la grandurbo estis ĵus anoncita.

La baptopatro traktadis kun la fervoja kasisto, proponante, ke li donos du bonajn arĝenterojn, kaj ke ni tuj eliros malantaŭ la monto, tie kie finiĝas la truo.

„Tuj post la monto, kie finiĝas la truo, ne haltas la treno," diris ridante la kasisto.

„Sed ni ja volas eliri", argumentis Joko.

„Vi devas veturi ĝis la proksima stacio. Estas por du personoj tridek-du kupreroj."

Mia baptopatro respondis, ke li estas preta al notinda elspezo, sed tiom kiom la grandaj sinjoroj ni, malriĉaj kamparanoj, ne povas pagi; cetere ĉe ni ambaŭ estas ja malmulte da pezo. — Nenio efikis, la oficisto ne lasis marĉandi. Joko pagis, kaj mi devis aldoni mian monon. Intertempe elrampis la treno el la plejproksima malsupra tunelo, alvenis bruegante, kaj mi jam kredis, ke tiu monstro ne haltos. Ĝi siblis, kraĉis, sopiris — kaj jen ĝi estis senmova.

Kiel kokino, el kiu oni fortranĉis la cerbon, staris mia patro, kaj tiel staris mi. Ni neniam estus enirintaj; tiam la konduktoro puŝis la baptopatron en vagonon, kaj poste min. En la sama momento tintis la forira sonorilo, kaj mi ankoraŭ aŭdis kiel Joko, faletante en la kupeon, murmuris: „Estas mia mortsonorilo." Nun ni vidis la aferon: en la vagono estis benkoj, kiel en preĝejo, kaj kiam ni rigardis el la fenestro — „Jesuo, Mario!" kriegis baptopatro, „jen preterflugas muro!" — Nun fariĝis malluma, kaj ni vidis, ke je la vando de nia grincanta ĉambro brulas olea lampeto. Ekstere en la nokto muĝis kaj flubruis, kvazaŭ ni estus ĉirkaŭataj de grandegaj akvofaloj, lam kaj tiam resonis akraj fajfadoj. Ni vojaĝis sub la tero.

La baptopatro tenis siajn manojn kunmetitaj sur la genuoj kaj sopiris: „En la Dia nomo. Mi rezignas je ĉio. Kial mi estis tia trifojeduobla malspritulo."

Eble dum dek paternostroj ni estis tiel enterigitaj, kiam denove heliĝis, ekstere flugis la muro, flugis la telegrafstangoj kaj la arboj, kaj ni veturis trankvile en verda valo.

Joko puŝis min je la flanko: „Ĉi, knabo! Estis tro eksterordinare, sed nun — nun komencas plaĉi al mi. Vere, vere, vapora veturilo estas belaĵo! Kaj rigardu, mirinde, jam estas tie la vilaĝo! Kaj ni nur veturis kvaronan horon! Diru, certe ni ne eluzis nian monon. Mi pensas, knabo, ni restos ankoraŭ iomete."

Mi akceptis. La aĵon mi konsideris el interne, mi rigardis eksteren en la flugantan pejzaĝon, kaj nenion komprenis. Kaj la baptopatro kriis: „O knabo, kiel spritaj estas la homoj! Hejme ili faros okulojn! Se mi havus la monon mi veturigus min, kiel mi nun sidas, ĝis sur nian monton!"

La konduktoro ion kriis; la treno haltis, ni elsvenis el la vagono.

La pordisto prenis de ni la paperetojn, kiujn ni estis ricevintaj de la kasisto, kaj baris la vojon. „He, amiko, tiuj kartoj ja nur valoras ĝis la antaŭa stacio. Vi devas alpagi, kaj la duoblon!"

Fikse mi rigardis la baptopatron, kaj li min. „Knabo," li fine diris kun malfirma voĉo, „ĉu ci havas moneron?"

„Mi ne havas moneron", mi ekploris.

„Mi ankaŭ ne plu havas", li murmuris.

Oni puŝis nin en oficejon, kie ni devis malplenigi la poŝojn. Blua naztuko, uzita de ni ambaŭ, kiun la sinjoroj ne ektuŝis; malmola peceto da pano, fulga fumpipo, poŝtranĉilo, iom da spongo kaj fajroŝtono, la konfesa atesto el Maria Protekto, kaj fine la leda monsaketo, en kiu troviĝis nenio ol latuna amuleto, kiun Joko ĉiam kunportis, firme kredante, ke neniam tute malpleniĝos la monujo, se estis en ĝi tiu sanktaĵo. Ĝis tiu tago ĝi bone pruvis sian povon — nun subite ĝi ĉesis. Oni permesis al ni repreni la tutan havaĵon, sed ni estis retenitaj multe da tempo en la stacidomo kaj plurfoje ekzamenitaj.

Fine, kiam jam malsupreniris la suno, je horo, dum kiu post tiel rapida veturo ni estus povintaj troviĝi hejme, oni forpermesis nin, kaj ni devis nun reiri super montoj kaj valoj en nigra nokto.

Kiam ni humile trapasis la eliron de l' stacidomo, murmuris la baptopatro: „Ĉe tiu vapora veturilo — tamen apudestas la diablo!"

Trad.: *Ed. Stettler.*

---

La vivo estas en la movado. — *Aristoto.*

La homo kiel la besto bezonas agon, movon; la senago estas kontraŭa al lia normala kreskado. Tiu fenomeno estas facile konstatebla ĉe la infanoj, kaj ĝuste en la infaneco la naturo plej klare malkaŝas siajn intencojn. — *Cicero.*

Nelacigebla laboro ĉion venkas. — *Virgilio.*

La laboro nin hardas por la doloro. — *Cicero.*

La meditema vivo estas ofte mizera. Oni agu pli multe, pensu malpli, kaj ne rigardu sin vivi. — *Chamford.*

Scii ne estas ĉio; necese estas utiligi tion, kion oni scias. *Goethe.*

La plej granda ĝuo kaj la sola, kiu ne tedas, estas la ripozo post la laboro. — *Kant.*

La laboro estas la plej bona maniero forĵongli la vivon. *Flaubert.*

Laboro kaj ĝojo estas ambaŭ sanaj aferoj, kiuj sin reciproke alvokas. — *Renan.*

---

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Oderfurth:* S-ro Steinhauer faris brilan paroladon; 85 personoj sin anoncis por la kursoj, kiujn gvidas S-ro Steinhauer. Lokaj gazetoj favore raportis. — *Olmütz (Olomouc):* S-ro P-ro Murath gvidas kursojn en la germana reala lernejo. En la ĉeĥa reala lernejo, S-ro Kudela gvidas kurson por progresintoj kaj S-ro Sedláček por komencantoj. — *Prerau:* S-ro Steinhauer faris propagandan paroladon, kiu ebligis la malfermon de kurso. — *Villach:* Nova kurso komenciĝis. — *Wien:* S-ro D-ro Becker, distrikta lernejinspektoro, permesas, ke en kelkaj privataj lernejoj oni instruu nian lingvon.

## Britujo.

*Accrington:* Sukcesa kaj tre plezuriga intergrupkunveno okazis; ĉeestis samideanoj el Burnley, Blackburn, Haslingden, Rawtenstall kaj Whalley. — *Bath:* Komenciĝis nova kurso por skoltoj kaj gvidistinoj; F-ino E. M. Verrier instruas. Ĉe la Teknika Lernejo, dekunu lernantoj studas sub la gvidado de F-ino L. C. Silcox. — *Blackburn:* La gazeto „Blackburn Weekly Telegraph" publikigas ĉiusemajne longan artikolon de S-ro M. Pearson Esperante kaj angle. — *Burnley:* En Rawtenstall samideanoj el Blackburn, Accrington, Haslingden, Burnley, kaj Nelson partoprenis festeton aranĝitan de la tieaj samideanoj. La dua okazis en Accrington, la tria en Colne kaj la kvara en Nelson, kun ĉ. cent personoj. — *Horwich:* S-ro J. Birtwistle faris tre interesan propagandan paroladon. Sekvis kurso kun 26 lernantoj. — *London:* La Londonaj samideanoj havis kongreson ĉe Toynbee Hall la 27 januaro 1917, kaj multaj samideanoj venis el Londono kaj el la provincoj de Anglujo por ĉeesti tian bonegan kunvenon. La kongreso estis organizita de la vic-ĉefdelegito por Londono, S-ro Charles H. Edmonds, kaj nia samideano, D-ro John Pollen prezidis. La temanĝo kaj la koncerto estis bonegaj aranĝoj, kaj ĉiuj ĉeestantoj ĝuis la programon. La kunveno havis la plezuron de la kunesto de la fama S-ro Harrison Hill, kiu dum iom da tempo amuzis la soldatojn en la tranĉeoj, kaj li rakontis kelkajn anekdotojn el sia aventura vivado en Francujo. La afera kunveno diskutis kelkajn postmilitajn problemojn kaj ankaŭ aranĝojn por granda antaŭenpuŝo postmilita. Sendube el tia kongreso multe da bonaj rezultoj vidiĝos, kaj ni gratulas kaj dankas tutkore la organizinton, kiu tiel arde laboris por sukcesigi ĝin. — *York:* S-ro Frank Thurgood gvidas du kursojn; krom tio estas unu kurso ĉe skoltoj.

## Francujo.

*Beaune:* En la „Journal de Beaune", S-ro Prof. Bord, nia fervora propagandisto, aperigis bonegan artikolon pri Esp. kaj la milito. La sama artikolo estis represita en la „Journal de Cosne". — *Paris:* S-ro van Etten publikigis en la gazeto „Le Chrétien libre" artikolon pri Esp. kaj katolikoj.

## Germanujo.

*Danzig:* F-ino Schultz gvidas novan kurson. — *Dresden:* Ĉe la speciala kunveno de UEA, S-ro Taurat paroladis pri la utilo de UEA, per kies helpo li en vojaĝo kaj interkorespondado gajnis multe da sperto, ĝuo kaj amiko. Ĉe alia kunveno, S-ro Riefling pritraktis la temon: „Lingvaj malfacilaĵoj por anoj de malgrandaj nacioj". — *Magdeburg:* F-ino Küster nun gvidas ripetan kurson. — *Wilhelmshaven:* S-ro Koch gvidas kurson kun 16 lernantoj. La marista grupo kuniĝis kun la loka grupo sub la nomo „Jadegolfo".

## Hispanujo.

*Barcelona:* La komitato de la grupo „Nova Sento" konsistas el S-roj J. Canales, prez.; J. Compte, vicprez.; J. Pujol, sekr.; M. Gil, vicsekr.; S. Vives, kas.; J. Viñas, P. Benitez.

## Nederlando.

*Enschede:* S-ro G. P. de Bruijn gvidas duan kurson. — *Harderwijk:* S-ro Demeersseman faris en flandra lingvo sukcesan paroladon ĉe la belgaj internigitoj. S-ro E. Maesschalk komencis novan kurson en franca lingvo. — *Hengelo:* Estas starigita nova kurso kun 70 partoprenantoj.

## Portugalujo.

*Lisbono:* Lisbona Societo proponis al la Registaro la starigon, de ĝi direktatan, de informado pri la Portugalaj militkaptitoj aŭ malaperintoj, profitante por tio la servojn de UEA kaj la peradon de la Esperantista Centra Oficejo. Tiu-ĉi propono estas prezentita al la Ĉefministro, kaj ĝi estas studota en la proksima kunveno de la Ministroj. En Lisbona Grupo malfermiĝos baldaŭ nova elementa kurso de Esperanto. La Komitato por Esperanto en la Komerco daŭrigas tre aktivan propagandon kaj decidis partoprenigi la nunajn lernantojn de Esperanto en la Internacian Eksperimenton iniciatitan en Londono de S-ro Marshall.

## Argentino.

*Rosario:* S-ro Santiago Gomis faris viglan propagandon. Li dum 1916 donis 24 paroladojn, organizis ses kursojn kaj la unuan ekspozicion en Argentino, kaj publikigis multajn gazetartikolojn.

## Urugvajo.

*Montevideo:* Dum lasta jaro ĵurnaloj tre gravaj, nome „El Dia", „La Razon" kaj „Diario del Plata" publikigis diversajn favorajn artikolojn, kiuj vekis grandan intereson. Kelkaj kursoj funkciis, unu ĉe la Socialista Centro, kiu estis gvidata de S-ro Zorrilla de San Martin; alia de S-ro J. V. Bouzas ĉe la laborista Biblioteko „Emilio Zola"; alia en la sidejo de „Esp. Grupo" sub la direktado de S-ro E. Cambralla. Tiuj kursoj varbis kelkajn personojn. En lasta semajno de januaro „Esp. Grupo Montevideo" faris ĝeneralan kunsidon. Estis elektataj komitatanoj: Prez. S-ro M. Fernández; vicprez. S-ro E. Cambralla; sekr. S-ro J. Alvarez Garcia; kas. S-ro A. Di Landro; bibl. S-ro S. Castro; anoj S-roj A. de Cola kaj M. Pernas. En tiu kunsido, en kiu regis multe da entuziasmo, oni decidis entrepreni aktivan kaj konstantan propagandon por nia afero dum la nuna jaro. Por tio la Grupo organizos ekspozicion. Ĉiuj samideanoj estas invitataj sendi ian Esperantaĵon al tiu ekspozicio: „Esp. Grupo Montevideo", 1258, strato San José. Tiu grupo faras ĉiusabate amikajn vesperkunvenojn en sia sidejo uzante nur Esperanton en siaj rilatoj.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 500 |
| 5. Richard Sharpe, Torquay (Anglujo) . . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 625 |

Al S-ro Sharpe ni ŝuldas specialan dankon, ĉar li estis jam dumviva membro laŭ la antaŭa sistemo, en januaro

1912. Post la kreo de la Garantia Kapitalo li sendis la diferencon inter ambaŭ sistemoj, 50 Fr., kiujn kun lia konsento ni enskribis kiel donacon, ĉar la regularo ne permesis alpagon por havigo de atesto laŭ la nova sistemo. Nuntempe, li ankaŭ fariĝis Garantianto, kaj ni deziras, ke tiu valora pioniro de Esperanto ĝuu plurfojan dumvivecon dum multaj feliĉaj jaroj.

Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

La Financa Fakestro: *Ed. Stettler.*

**Kotizajoj por 1917.** — Je la 28 februaro estis enkasigitaj 1118 kotizajoj (el kiuj 44 subtenantoj). Krom tio estas 155 dumvivaj membroj. Sume: 1273. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 35.

**Statistiko de la korespondajoj.** — Movado de la korespondajoj dum la monato februaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 784 | 1040 |

*Tuta sumo:* 1824. (Antaŭa monato: 3460.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizajon da 5 Frankoj.

*Dua listo:*

41. F. Perriard (Cortaillod, Svisujo). — 42. H. Maresquelle (Nancy). — 43. S-ino T. Suĵadinoff (Malvern). — 44. J. Helsing (Gefle). — 45. J. Novakowskij (Grosskayna). — 46. F-ino H. Tiffin (Halstead). — 47. F-ino J. M. Inman (Halstead). — 48. F-ino Z. A. Inman (Halstead). — 49. S-ro Chauncy Case (Yougstown, Ohio).

## Novaj Delegitoj.

*Banjoewangi* (Besoeki, Java). — D.: S-ro A. Knegt, oficisto de kafoplantejo, Soc. A. Kali Bendo.

*Devonport* (Angl., Devon). — D.: S-ro J. P. Crocker, 70, Goschen St.

*Dowlais* (Anglujo, Wales). — D.: S-ro E. J. Harris, farmaciisto, 49, Victoria St.

*Dunedin* (Nov-Zelando). — D.: F-ino Edith Hodgkinson, 11, Eglinton Rd.

*Preston* (Anglujo, Lanc.). — D.: S-ro W. H. Staveley, 15, Lune Street.

*Whangarei* (Nov-Zelando). — D.: S-ro David Tilly, adm. de la gasejo.

## Ŝanĝoj.

*Loanda* (Angola, Afriko). — D.: S-ro J. E. Ricon y Peres, Caixa Postal 36. — VD.: S-ro A. Moreira da Rocha, Caixa Postal 36.

*Dresden* (Germanujo). — Anstataŭanta Del.: S-ro J. E. Nicolai, Nicolaistr. 2, I.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj: *Buffalo* (Usono); *Sens* (Francujo).

## Adresŝanĝoj.

*Aalborg* (Danujo). — D.: S-ro E. A. Hansen, villa „Hjem", Korlündsvej.

*Bordeaux* (Francujo). — VD.: S-ro Pierre Marly, 11, rue Adrien Bayssellance.

*Kristiania* (Norvegujo). — VD.: S-ro O. B. Sletteröd, Nylands Mekaniske Verksted.

*Paris* (Francujo). — D. por 8a kvartalaro: S-ro E. Lemoine, 10, rue Dautancourt.

*Samara* (Rusujo). — D.: S-ro A. Kolĉin, Nikolajevskaja N-ro 172, kv. 4.

# Raporto pri la Garantia Kapitalo de UEA

La Garantia Kapitalo estis fondita laŭ decidoj de l' Kongreso kaj de la Delegita voĉdonado en aŭtuno 1912, kiam eĉ la plej optimistaj Esperantianoj konvinkiĝis, ke nur energia agado nin savos de la minacanta bankroto. Ambaŭ tiamaj proponoj, la kapitalo kiel la pliahigo de la kotizajo, pruviĝis tiel sukcesaj, ke la Asocio povis eliri el la ŝuldoj kaj noti la Krakovan Kongreson kiel komencon de sia dua, pli feliĉa vivperiodo. Ankaŭ por la estonto tiuj du rimedoj sufiĉos, kondiĉe ke ĉiam restu la necesa intereso por ili. La kapitalo bone pligrandiĝis; kun la nombro de la kotizajoj ni estas nuntempe ne kontentaj: la celoj kiel la laboroj plenumitaj de UEA meritas la subtenon de ĉiuj Esperantistoj, ne nur de tri miloj.

*La kolektado* de l' kapitalo komencis kun alvoko de la 20 februaro 1913, kiu jam enhavis, kiel rezultato de nia dumvintra penado, promesojn por pli ol la duona sumo. Poste ĝi jene progresis:

| Publikigoj en *„Esperanto"* | Garantiantoj | Atestoj | Frankoj |
|---|---|---|---|
| 20 Februaro 1913 | 39 | 103 | 12,875.— |
| 31 Decembro 1913 | 67 | 71 | 8,875.— |
| 31 Decembro 1914 | 9 | 9 | 1,125.— |
| 31 Decembro 1915 | 9 | 10 | 1,250.— |
| 31 Decembro 1916 | 4 | 7 | 875.— |
| Jarfino 1916 | 128 | 200 | 25,000.— |

En somero 1914 ni rajtis esperi, ke la restantaj 15 atestoj estos vendataj dum la Pariza Kongreso. Feliĉe alvenis malgraŭ la milito iom post iom pliaj mendoj kaj ni ŝuldas specialan dankon al la sindonemaj lastaj garantiantoj, kiuj krom la atesto ankaŭ pagis la kurzdiferencon de la svisa mono.

Akiris atestojn:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 3 personoj | po 20 = | 60 atestoj, | valoro Fr. | 7,500.— |
| 1 persono | „ 5 = | 5 „ | „ „ | 625.— |
| 2 personoj | „ 4 = | 8 „ | „ „ | 1,000.— |
| 5 „ | „ 2 = | 10 „ | „ „ | 1,250.— |
| 117 „ | „ 1 = | 117 „ | „ „ | 14,625.— |
| 128 Garantiantoj | | 200 atestoj | Fr. | 25,000.— |

Niaj kondiĉoj estis pli severaj ol kutime en Esperantujo; tri monatojn post la promeso la sumoj devis esti efektive kaj plene pagitaj. Kun tiu konfido je la seriozeco de la promesintoj ni faris bonajn spertojn, kaj ni uzas la okazon atentigi, ke ni same procedos por la dua parto de l' kapitalo. La valoro de atesto estas tiel malalte kalkulita, ke ni ne povas akcepti iun deprenon pro kurzdiferencoj. — El ĉiuj promesintoj unu sola ne pagis kaj estis post unu jaro kaj kelkaj avertoj publike eksigita el la Asocio. Ĉe alia diversaj klopodoj estis necesaj ĝis li subskribis kaj pagis traton; al unu promesinto ni permesis partopagojn pro specialaj cirkonstancoj, kaj unu personon, kiu antaŭ la tri monatoj nin informis pri familia malfeliĉo, ni liberigis de ĝia devigo. Notinde estas ankaŭ la imitinda procedo de patro, kiu akiris ateston por sia infano; la patro legas la gazeton, kaj la infano ĝuos espereble longan tempon sian dumvivan membrecon. Kelkafoje okazis prokrastoj rilate al personoj, kiuj sendis la monon al la banko, ne indikante la celon; tial la banko ne informis nin, kaj la atesto povis nur esti sendata post ricevo de nova letero de l' paginto, kiu klarigis la aferon.

*La administrado* estis prizorgita de komisiono elektita de la Garantiantoj, konsistanta el S-roj H. Bolingbroke Mudie, A. Carles kaj Ed. Stettler. La kontrolon de la atestoj kaj de la abonoj faris la Centra Oficejo; ĉiu monsumo iris en kontokorenton ĉe la ŝtata banko en Bern, kaj la subskribinto prizorgis la financan administradon, raportis al la du aliaj komitatanoj, kaj sendis al ili regule la bankajn konteltirojn. Baldaŭ post la militkomenco mortis S-ro Mudie, la transsendo de dokumentoj fariĝis nekonsilebla, kaj dum 1916 finiĝis la trijara oficperiodo de la komisiono. Sekve la komi-

tato de UEA decidis okazigi novan elekton nur post la milito kaj intertempe komisiis la subskribinton kun la prizorgo de l' kapitalo. La kalkuloj estis lastfoje kontrolitaj de delegito de l' Bankverein Suisse, la 13 novembro 1916.

*Spezoj de januaro 1913 ĝis 31 decembro 1916*

| *Enspezoj* | *Fr.* | *Elspezoj* | | *Fr.* |
|---|---|---|---|---|
| 200 atestoj po 125 Fr. . . . | 25,000.— | Deficito de UEA ĝis 1913 . . . | 5,047.50 | |
| Kurzdiferencoj, saldo . . . | 27.07 | Kotizaĵoj 1916 . . | 234.— | |
| Interesoj . . . . . . . . | 2,731.53 | Subteno de propagandaj vojaĝoj . | 190.75 | |
| Restpagoj de Dumvivaj Membroj, antaŭa sistemo . . . | 75.— | Meblo . . . . . | 128.65 | |
| | | Donita al UEA . | | 5,600.90 |
| | | Abonoj al „Esperanto" . . | | 1,992.90 |
| | | Kolektado kaj presaĵoj . . | | 147.55 |
| | | Kostoj de l' Banko . . . . | | 38.05 |
| | | | | 7,779.40 |
| | | Aktiva saldo . . . . . . | | 20,054.20 |
| | 27,833.60 | | | 27,833.60 |

| *Havaĵo* | *Fr.* |
|---|---|
| Obligacioj de ŝtata hipoteka banko . . . . . | 15,000.— |
| Obligacioj Bankverein Suisse . . . . . . . | 4,000 — |
| Ŝparlibreto, Kantonalbank Bern . . . . . . | 1,054.20 |
| | 20,054.20 |

El la tabelo vidiĝas, ke la kvinono de l' mono estis donita al UEA, konforme al la unua celo de la kolekto. Plia simila elspezo estu evitata dum la proksimaj jaroj; la nunaj interesoj nur sufiĉos por pagi la abonojn kaj kotizaĵojn. Kvankam la sumo estas ja granda, oni ne forgesu nian devigon liveri senpage la gazeton kaj redoni al la Centra Kaso, se iel eble, la kotizaĵojn de la Garantiantoj. Kelkdekoj da frankoj estos ankaŭ bezonataj por la dua parto de l' kapitalo, nun en kolektado, ĉar la nuntempe ricevebla kontokorenta intereso de 3½ % ne sufiĉos por pagi la novajn abonojn. Tio ŝanĝiĝos de kiam kelkaj Garantiantoj estos akirintaj plurajn atestojn aŭ kiam la enhavo de la kontokorento permesos depreni kelkajn milojn da frankoj por la aĉeto de valorpaperoj je certa daŭro kaj pli alta intereso.

La dua, same grava celo de l' kapitalo, estis plibonigi nian krediton. Pro la agado de niaj malamikoj kaj de malspritaj amikoj, kiel pro la antaŭa periodo de ŝuldoj, la financa bonfamo de Esperantistaj entreprenoj en Svislando ne estis tre brila. Nuntempe, eĉ ne tuŝinte plian centimon de la kapitalo, ni akiris pro ĝia ekzisto la necesan liberecon de agado. Ne forgesataj estu la krizaj semajnoj de aŭgusto 1914: ĉiuj internaciaj rilatoj estis rompitaj, ektremis sub niaj piedoj la paca fundamento sur kiu ni estis konstruintaj, kaj stariĝis la demando pri plia ekzisto de UEA. Senhezite ni decidis modeste daŭrigi la oficejan laboron, konsciaj ke ni havis la rimedojn elteni. Se de tiam ni povis fari servojn valorajn al multaj samideanoj kaj aliaj personoj, afabla danko iru ankaŭ al la Garantiantoj. Ĝis nun ne estis necese tuŝi la kapitalon, kaj ni laŭpove propagandas por havigi al UEA ĝiajn kutimajn enspezojn; tamen se longa daŭro de la milito nin devigus uzi la rajton donitan de la Komitato je pruntepreno el la kapitalo, ni faros tion por savi pli grandan intereson: la internacian Esperantan movadon.

Fine la kapitalo celas „ebligi novajn laborojn kaj servojn de UEA, por kiuj ne sufiĉas la kutimaj enspezoj". Finance la nuna parto ne multe helpos en tiu direkto, ĉar, kiel montrite, ĝi savis la estintecon, utilas kiel milita rezervo kaj bezonas kelkajn jarojn de trankvila disvolviĝo. Morale ĝi estis altvalora kunigante ĉirkaŭ UEA aron da dumvivaj membroj. La fakto estas interesa, ke kun 125 frankoj, tuj pagitaj, ni atingis tion, kion kun la antaŭe provita sistemo de 75 frankoj, pageblaj en tri jaroj, ni ne sukcesis havigi. La dumviva aliĝo de granda parto de la Esperantistaj eminentuloj estas brila aprobo de nia celo, kaj en ili ni gajnis propagandistojn por estontaj laboroj. Jam nun la popoloj starigas direktilojn por la postmilita kultura kaj ekonomia agado; tial estas tre grave, ke la Esperantistoj ne perdu la bonan momenton, klarigu siajn ideojn, kaj puŝu forte antaŭen por konkeri la promesitan landon. Sufiĉe longe ni fosis nian sulkon, decas iam eliri. Dezirinde estus disdoni post la milito milojn da folioj kaj broŝuroj, aranĝi multajn kunvenojn kaj tuj restarigi la internaciajn rilatojn moralajn kaj komercajn, tie kie estas dezirata. Per tio ni ne sole propagandos la karan lingvon sed ankaŭ helpos disvastigi ideojn feliĉigajn, kiujn danke akceptos la militruinigitaj popoloj. Por tiu programo necesa estas mono, multe da mono. Aliaj organizaĵoj estas subtenataj de aferistaj interesuloj, kiujn ni ne volas, aliaj de riĉeguloj, tiujn ni ne trovis; nia rimedo, modesta sed firma, estas la Garantia Kapitalo. La duan parton, nun en kolektado, ni tial varme rekomendas al ĉiuj personoj. Se ili konvinkiĝis, ke la ĝisnunaj sumoj estis konscie administrataj, ili ankaŭ malfermu sian propran manon.

La garantiaj atestoj estas kvazaŭ la brikŝtonoj de la konstruata Esperantista domo. Ne duan babilonan turon ni volas fari; nia Asocio similu al ĉarma svisa dometo, kiu de la supro de altaĵo rigardas en la landon kaj invitas la fremdulojn al paca kunesto. Kiam estos finita tiu dometo, kun blankaj muroj, bruniĝa balkono kaj brilaj fenestretoj, tiam ĝojos la Esperantistoj kaj fiere rakontos la patro al sia filo: „Ankaŭ mi kunhelpis, alportinte kelkajn ŝtonojn."

La Financa Fakestro: *Ed. Stettler.*

La estontaj kalkuloj de la kapitalo, unua parto, bazos sur la saldo de jarfino 1916. Kiu havas plendon aŭ deziras plian informon, bonvolu skribi al la Centra Oficejo, plej malfrue tri monatojn post la nuna publikigo. Por la ekspedado de „Esperanto" estas responda ĝia administrado; cetere la plej multaj prokrastoj devenas de la cenzuristoj kaj de poŝtaj malfacilaĵoj.

# Esperantia Parolejo

## La Internacia Eksperimento

Kvankam ne estis eble starigi ĉiujn eksperimentajn kursojn samtempe, la afero ankoraŭ bone progresadas kaj aliĝis kelkaj ceteraj urboj en diversaj landoj. Niaj Lisbonaj samideanoj, kiuj gigantule laboradas por propagandi Esperanton, partoprenas en la Eksperimento, kaj en ĉiutaga rubriko, kiun ili sukcesis starigi en tre grava ĵurnalo „*Jornal do Commercio*", ili faris bonegan reklamadon pri la I. E. E. — (Gratulojn kaj koran dankon). Preskaŭ same faris tiu vigiulo en Nice S-ro Roncati, kiu zorgas pri la Esperanta rubriko en la tiea ĵurnalo kaj klopodegas kune kun siaj samurbanaj kolegoj por sukcesigi la kursojn eksperimentajn en tiu bela urbo. De S-ro A. Villafranca en Buenos Aires venis kuraĝiga adresaro de korespondemuloj kaj tre interesa serio de korespondaj lecionoj, per kiuj la samideanoj en la lando de l' Arĝenta Rivero multe disvastigas la sciadon de Esperanto.

En Londono la kurso trimonata finiĝis en januaro, kaj la studantoj, kiuj jam de kelkaj semajnoj entreprenis korespondadon kun rusaj, francaj, norvegaj, hispanaj, portugalaj kaj aliaj samideanoj pri diversaj temoj, lastatempe komencis rilati kvazaŭ-komerce kun siaj korespondantoj. Tiom kontentigitaj estis ĉi tiuj senpartiaj komercaj pruvintoj de Esperanto en Londono, ke ili, ĉe speciala kunveno, faris al la instruisto-organizinto duoblan donacon, el kiu la ŝatata kaj valora, kvankam ne la pli multekosta, estas artepresita dokumento kun subskriboj kaj sigeloj. S-ro J. Viliesid, direktoro de grava firmo en la Civito, kiu faris la donacon je la nomo de la ceteraj kursanoj, en bonstila Esperanta paroladeto, diris, ke li kaj liaj kunlernantoj partoprenis en la eksperimento rezulte de anoncoj faritaj en la ĵurnaloj, kaj kvankam ili venis ne tute sen iom da skeptikismo, ili ĉiuj nun devas konfesi plenan konvinkon pri la facileco kaj utileco de Esperanto, tiom ke ili fariĝis entuziasmaj propagandistoj inter siaj amikoj.

La dokumento estas publika atesto pri la efikeco kaj utileco de Esperanto post nur trimonata lernado, kaj sendube povas esti unu el la plej potencaj propagandiloj por nia movado. Krom la mane subskribita ekzemplero, la organizinto ricevis provizon kun subskriboj presitaj; ĉi tiuj estas senditaj al la ĵurnalaro kun klariga paragrafo pri la eksperimento, ankaŭ al gravaj personoj kaj societoj,

kiuj devus sin interesi pri nia lingvo, kaj se tio ne trafos la jurnalistan, kaj publikan cerbon la Londona kurso estas senkulpa. Konsilinde kaj tre helpe estus, se en ĉiu eksperimenta centro, la kursanoj agus sammaniere kiel la Londonanoj; tiam, kiam la diversnaciaj atestiloj estus presitaj, oni povus interŝanĝi dokumentojn, kaj en ĉiu lando ekzistus internacia kolekto, kiu prezentus al la publiko nerefuteblan konvinkilaron. Tre kredeble la alilandaj eksperimentanoj tion faros, kiam ili vidos ekzemplerojn de la Londona dokumento sendotajn al la diversnaciaj kursestroj. Ni bedaŭras, ke ne estis tempo fari kliŝon de la atestilo por la nuna numero, eble tio aperos proksiman monaton, tamen pluaj ekzempleroj de la dokumento (kiu estas certe enkadriginda) presiĝos, por ke grupoj, delegitoj kaj ĉiuj fervoraj propagandistoj povu ĝin utiligi en sia propagandado.

Nun, ni diru vorton al la kursestroj, kiuj ne povis samtempigi siajn kursojn kun la Londona. Tralegante lastatempe la naciajn propagandajn gazetojn ni plezure rimarkis, ke en kelkaj lokoj troviĝas eksperimentaj kursoj, pri kiuj nenia rekta sciigo venis al Londono. Pli bone estus informi la organizinton en ĉiu okazo, ĉar ĉiu konata partoprenanta loko aldonas forton al la ĝenerala propagandado. Tuj kiam la lernantoj povas skribi iomete la lingvon, petu, ke ili sendu poŝtkarton al la adreso ĉi-sube, kaj per revenanta poŝto ili ricevos adresojn de alilandaj eksperimentanoj, kun kiuj ili povos korespondadi. (Aliaj gazetoj bonvole represu.)

*S. R. Marshall,*
57, Muirkirk-road, Catford, London, S. E.

## Esperanto Lega Rondo

Jam de septembro 1915 en Regensburg funkcias *Esperanto Lega Rondo.* Kion ĝi volas? Dum la nunaj cirkonstancoj al multaj gesamideanoj ne estas eble, havigi al si sufiĉe da bona legmaterialo. Precipe junuloj kaj izoluloj tiamaniere pli-malpli rapide perdas ĉiun interrilaton kun la Esperanto-movado. Kontraŭ tiu ĉi malbonstato *Esperanto Lega Rondo* volas batali. Ĝi postulas monatan kotizajon da sole 25 pfenigoj (1 respondkupono). Ĉiu membro ricevas senpere de l' sekretario legaĵojn laŭdezirajn. Resendinte tiujn ĉi, ĝi ricevas tuj aliajn. Tiamaniere, ĉiu el la membroj povas multege legi je ridinde malalta pago. Por pli bone interligi la membrojn, E. L. R. aperigas la revueton „Monata Cirkulero". En tiu ĉi oni presigas ankaŭ senpage la adresojn de korespondemaj membroj. Kiu deziras informiĝi detale pri tiu ĉi utila novaĵo, kies sola celo estas prosperigi la Esp. movadon, sin turnu al la sekretario: *Regensburg* (Bavarujo), Stahlzwingerweg 10, I.

## Samideanoj atentu

Ĉe la jun-socialdemokrata kongreso de Svedujo, kiu okazos en la unuaj tagoj de majo, estas propono pri akceptado de Esperanto aŭ de Ido. Por neŭtraligi la efikojn de la idista propagando mi proponas al ĉiuj samideanoj sendi al la kongreso leteron aŭ karton favore de Esperanto; ili ankaŭ skribu pri la progresoj de nia lingvo en sia lando, speciale ĉe la socialdemokrataj rondoj. Adreso: Socialdemokratiska Ungdomsforbundets Kongress, Red. av Stormklockan, Stockholm.

*Einar Adamson,*
Brynasgat. 30, *Gefle* (Svedujo).

## Grava komunikaĵo

La subskribinto, estro de la Esperanto-kursoj, organizataj en la internigejo ĉe Zeist (Nederlando), havas la honoron, sciigi al siaj gesamideanoj, ke, por pasigi la tempon, kelkaj internigitaj Esperantistoj okupas sin pri la farado de diversaj Esperantaĵoj, kiujn ili *ekskluzive* liveras al la soldatoj de nia granda paca armeo. Ili fabrikas i. a. el blanka metalo Esperantajn fingroringojn kaj el osto Esperantajn papertranĉilojn, plumingojn kaj broĉojn, kiujn ili vendas je tre malaltaj prezoj; tiuj objektoj, kiuj estas veraj juveloj, estas rekomendindaj propagandiloj multe ŝatataj de la pacaj batalantoj. Ĝis nun multege da ekzempleroj jam estas senditaj al diverslandaj samideanoj, kiuj ĉiuj al ni esprimis sian plenan kontentiĝon pri ili; tiuj objektoj do fariĝas vere internaciaj. Ili estas tutspeciale rekomendataj al la grupoj, kiuj dum festoj, paroladoj, k. t. p., de ili organizataj, povas ilin vendi por fari propagandon por nia afero ĉar, krom la verda stelo, ili ankaŭ portas diversajn Esperantistajn surskribaĵojn. La samcelanoj, kiuj deziras ilin ricevi, estas do petataj sin turni al la subskribinto, kiu tre volonte al ili konigos kondiĉojn k. t. p.

*Frans De Backer,* Prof. pri Esperanto,
Barako 15ª, Tendaro IIª, Internigejo ĉe *Zeist* (Holando).

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Schriewer, Charles,** membro N-ro 1168, el Moresnet-neutre, antaŭa Delegito en Peking, pli frue propagandisto en la teritorio de neŭtra Moresneto kaj en Belgujo, tre fervora kaj agema Esperantisto. S-ro Schriewer mortis, kiel belga leŭtenanto, en germana orienta Afriko.

* * *

Kun granda bedaŭro ni sciiĝis pri la morto de la plej juna frato de nia majstro, D-ro L. L. Zamenhof, nome **D-ro Aleksandro Zamenhof.** Lia morto okazis la lastan julion subite pro korparalizo en Dvinsk, kie li dejoris kiel kuracisto en la rusa armeo. D-ro Aleksandro Zamenhof, kiu parolis sep lingvojn, bone sciis nian lingvon. Post la militdeklaro li reveturante Rusujon restis kelkan tempon en Londono, kie li renkontis multajn Esperantistojn. Li tiam publikigis en „British Esperantist" serion da artikoloj pri siaj spertoj dum la ruso-japana milito „El Taglibro de sieĝito en Port-Arturo".

Al la tuta familio Zamenhof, dolorige frapita de tiu funebro, ni esprimas nian tutkoran simpation.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-naŭa listo*

*Courtinat, J. M.* Nova adreso: Nº 89, Matr. 100,929, Wahn (Rheinland, German.).

*Levier, Louis,* el London. Nova adreso: Nº 74, 6. Komp., 2. Bat., Nº 16,219, Mannheim (Baden, German.).

*Levoy, Armand,* el Pré-St-Gervais. Nova adreso: 1. Bat., 2. Komp., Bar. 7, Nº 1671, Altengrabow (German.).

*Pourchelle, Georges,* el Amiens. Nova adreso: 254., Nº 96,419, Heilsberg (Ostpreussen, German.).

*Szyi, Bela,* el Veszprem (Hungar.), Offiziersbaracke Nº 6, Berezowka (Transbajkalo, Rusujo).

*Vegh, Andreo* Del. el Arad (Hungar.), Rota 200, Post Nº 305, Berezowka Zabajkaskoj obl (Rusujo).

* * *

S-ro *Percy Horton,* Private 9689, Glostershire Reg., malaperis ĉe la Somme je la 8 septembro 1916.

S-ro *A. C. Willford,* soldato N-ro 43,160, D. Comp., malaperis en Francujo dum novembro 1916.

* * *

**Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj plenan adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.**

# REKLAMO

### KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* **bfl** = *poŝtmarko sur bildflanko.*

AMSTERDAM (Nederlando). — F-inoj Therese kaj Helena Pieters, Raamstraat 23 e, PI.

AMSTERDAM (Nederlando). — F-ino Thecla Jansma, Bilderdijkstraat 93, PI.

BAHIA BLANCA (Argentino). — S-ro Diego Salguero, 477, Str. Fitz Roy, PK.

BAHIA BLANCA (Argentino). S-ro Vicente Orlando, 77, Str. Santa Fé, PK.

BAHIA BLANCA (Argentino). — S-ro Ludoviko E. Le Tesson, 661, Str. Vicente López, PK.

BRODDETORP (Svedujo). — S-ro Fridolf Granath, Bältaregården.

CAP FERRAT (Francujo, Alpes Maritimes). — S-ro Jos. Cnudde, Hopital Militaire Belge, PI, sendos vidaĵojn de Azura Marbordo.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Herberto Fridriĥsen (latvo), 6, Bogorodickaja, PI, L, PM (kun ĉiuj landoj senescepte).

OREL (Rusujo). — S-ro Boris Popov, Bolŝkaja Meŝĉanskaja, dom. Larionova, nur per L (serĉas konstantajn ĉiulandajn gekorespondantojn pri temoj, kiuj donos eblecon, bone interkonatiĝi, ekz. pri nia lingvo, pri moroj kaj vivkutimoj, pri etikaj kaj politikaj demandoj, k. t. p.).

PÉRIGUEUX (Francujo, Dordogne). — S-ro Ratinaud Alban, 21, rue des Tabacs, PI.

PETROGRADO (Rusujo). — S-ro Feliks Ipolitoviĉ Uleviĉ, 5e poĉtovoje otd. do vostre-bovanija, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

### PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el al militantaj landoj.

INFORMPETO. — Austria militkaptito Ernst Schmitbach, internigita en Ruslando, Werĥiŝieckij lesnoja kontora, Miednij Rudnik, Jekaterinburg, Permsk gub, ne plu skribis de julio 1916. Utilajn informojn oni petas sendi al la C. O. de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

INFORMPETO. — La C. O. de UEA tre deziras ricevi informojn pri membro de UEA, S-ro Marcel Durand, servanta en la franca armeo kaj kies lasta adreso estis: Caporal Marcel Durand, 334. Reg. Inf., 20 Comp., Secteur Postal 141 (Franc.). Utilajn informojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

MIGRANTAJ KARTOJ, 6 por 50 Cts. (0.20 Sm.), 25 por 1.25 Fr. (0.50 Sm.) ĉe E. H. Becker, 332, Third Ave., Daytow, Kentucky, Usono.

MUZIKO ANGLE KAJ ESPERANTE.

| | |
|---|---|
| Vespero kaj Mateno | Tro karaj por esti Perditaj, |
| Fratinoj Disigitaj | Malarmiĝu Nacioj |
| Savigu la Knabojn | Neniaj Floroj por mia Tombo. |
| Paco inter Nacioj, | Savu Usonon de Rumo |
| La Hejm-Loko. | Unuigita Eŭropo, |
| La ŝipo Kristnaska | Se li estus Filo de vi aŭ de mi |
| Kruelą Milito, | Celo de la Maiz-Bando. |
| Amerika Preĝo por Paco | |

Ĉiu kanto po 15 centoj, (0.75 Fr.) afrankite A. E. Beatty, Cardington, Ohio (Usono).




# Regiona DELEGITO

## Universala Esperanto-Asocio

Tiu ŝildo (kliŝaĵon oni vidu ĉi supre) mezuras 29×19 cm. Ĝi estas el bona lado, kun blanka fono kaj verdaj literoj. Ĝi estas speciale taŭga por alfiksi kontraŭ dompordoj, en magazenoj, oficejoj, kontoroj, k. a.

La ŝildo estas luata al ĉiu Delegito po **2 Frankoj** (kun alsendo rekomendite). La luado daŭras la tutan tempon, dum kiu Delegito okupas sian postenon. Kiam li ĉesas esti Delegito, li devas resendi la ŝildon al la C. O. de UEA.

Mendo de ŝildo signifas akcepton de tiuj kondiĉoj.

Oni sendu ĉiujn mendojn kun mono al: *Universala Esperanto Asocio*, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis.).



## SCIENCAJ VERKOJ

### ELDONISTOJ!

Antaŭ ol presigi sciencajn verkojn (disertaciojn, katalogojn, lernolibrojn, vortaron, enciklopediojn, revuojn, k. t. p.) en ia lingvo eŭropa aŭ orienta (araba, turka, persa, malaja, javana, ĥina, japana, k. t. p.), aŭ klasika (latina, greka, hebrea, sanskrita, siria, kopta, armena, k. t. p.), petu provojn kaj prezojn al la fame konata

**Orienta Presejo,** Oude Rijn 33, **Leiden** (Nederlando).

## Karaktero

Ĵus aperis la 5a plibonigita kaj reviziita preso de **„Karaktero"** laŭ M. J. van Stiprlaan Luiscius, advokato en Hago. En tiu moralfilozofia verketo, la aŭtoro pritraktas en 27 ĉapitroj la proprecojn de bona karaktero. Tre interesa por ĉiuj, kiuj sin okupas pri la demando de karakterformado. Prezo afrankite 0,30 guldenoj (3 int. respondkuponoj) ĉe la eldoninto *J. L. Bruijn*, Paul Krugerlaan 37, *Hago* (Nederlando). Respondkuponoj, transpagiloj akceptataj.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO